


# INTERNACIA FERVOJISTO

2005.4/5




*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



## Karaj legantoj

Vi jam rimarkis ke tiu revuo enhavas 20 paĝojn. Tiu ne rutina aspekto de nia organo montras, ke, somere, ni disponas pli da tempo por legi dum ripozo-sezono.



Sed dum bela sezono la redaktoro ankaŭ deziras ĝui la nenifaradon. Pro tio, vi jam rimarkis ke, ne kutime, tiu numero inkludas la duoblan numeron 2005.4/5. Mi esperas ke vi ne tro grumblos al mi por tiu pormomenta agmaniero.

Mi deziras al vi agrablan someran ripozon kaj ankaŭ plezuron legi tiun bultenon.

La redaktoro

**Frontpaĝe:**

*Tiu bildo simbolas la modernecon de Ŝanhajo. Sidejo de nia venonta IFEF-kongreso, ĝi estas unu el la plej grandaj kosmopolitaj urboj en Ĉinio. Nokte, iluminataj ĉielskrapuloj invitas nin viziti mirindajn kvartalojn.*

## Enhavo

# Transpaŝu de la 57- a IFEF-kongreso en Braŝovo al ...

**57a IFEF –Kongreso Braşov**

De la 7-a ĝis la 14-a de majo 2005, en la rumana urbo Braşov, okazis la 57-a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto- Federacio. La kongreso estis organizita sub la patronado de FISAIC kaj CFR (rumanaj fervojoj). Sub la devizo «reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn», kolektiĝis por la kongreso, 274 delegitoj kaj kongresantoj el 22 landoj.

La kongresa «itinero» disvolviĝis laŭ kutime, sed en multaj punktoj je plibonigita maniero. Kiel kutime, la plej multaj kongresanoj atingis Braşov sabate. Por multaj, tio estas okazo iom ekkoni la urbon, sed por la estraro de IFEF, jam komenciĝas labordevigoj en senco de kunsidoj kun organizantoj kaj lokaj eminentuloj, de gazetara konferenco kaj simile. Jam antaŭ la gazetara konferenco, kelkaj lokaj kaj tutŝtataj gazetoj aperigis artikolojn kaj menciojn pri E- lingvo kaj la kongreso. Krepuske, dum la interkona vespero, oni povis gustumi lokajn specialaĵojn kaj domestran vinon en restoracio "Saksa barelo", renovigita en mezepoka stilo.



*Rodica Todor kaj Romano Bolognesi dum la malfermo de la kongreso*

Dimanĉan malfermon de la kongreso partoprenis multaj elstaraj personoj de la rumana politika kaj kultura vivo, kaj gvidaj personoj de la rumanaj fervojoj, ties fervojaj sindikatoj kaj UAAIFR (rumana FISAIC –sekcio).

Dum la festparoloj, eminentuloj esprimis siajn simpatiojn al la ideo de Zamenhof kaj diversvorte bonvenigis la gastojn.

Ankaŭ kelkaj akceptitoj estis honorigitaj.

IFEF-Honordiplomon ricevis *Ana ABELOVSKA, Mihai ŞTEFAN, Emil TUDORACHE kaj Ian Virgil LEANCU;*

IFEF-Honora membro *fariĝis Heinz SCHINDLER.*



*S-ro Heinz Schindler ricevas sian distingon*

Jam dimanĉe, tuj post la malfermo, komenciĝis serioza laboro por reprezentantoj de terminologia kaj fakaplika Komisionoj; por la aliaj, gvidata traurba ekskurso, ekumena diservo en la ortodoksa preĝejo. Ni povis ĝui aranĝojn de "braŝovaj gejunuloj", kiujn dum la 14 tagoj de daŭra kultura festivalo, ofertis

spektaklojn al sia urbo kaj ties vizitantoj. Okzis surstrataj koncertoj de multaj muzikgrupoj, folkloraj prezentoj, sportaj renkontiĝoj kaj aliaj aranĝoj, kiuj ĝuste finis tiun tagon. Kulmino de la festivalo, tamen estis prezentoj de civilaj amatoraj pilotoj el braŝova klubo, kiuj per siaj JAK-aviadiloj prezentis paleton de lupingoj, ŝraŭboj kaj aliaj akrobataj figuroj. Flugoj supre de domoj levis adrenalinon al multaj observantoj kaj admiron al fakuloj.

Vespera kultura programo trankviligis nin. Prezento de gesolistoj el braŝova Opero estas je alta nivelo. Unika estis prezento de junaj muzikistoj el braŝova Liceo. Aparte impresis nin virtuoza ludado de juna Maria Lucaci sur Pajnoŝalmo (rumane nai). Tio estis belega kaj animece abunda vespero.

De lundo ĝis vendredo sinsekvis diversaj aranĝoj t.e. nepublika Komitatkunsido, plenkunsido, forumo "movadaj aferoj", E- simpozio. Diskutoj estis viglaj - ni esperu, ankaŭ utilaj.

Prelegoj precipe preparitaj de rumanaj gekolegoj estis interesaj kaj informplenaj. Ni menciu iliajn titolojn:

- Pontokonstruado en Rumanio – historio kaj estonteco;
- Skizo pri la evoluo de lokomotivoj ĉe la Rumanaj Fervojoj - CFR;
- Kontribuoj de trafika Instituto ISPCF al realigo de digitala reto je CFR;
- Eksperta sistemo por kalkulado de la difektopozicio en elektroenergia instalaĵo;
- Modernigo de fervojstacioj laŭ europaj normoj;
- Merkatesploro de la danaj fervojoj.

Interesa, kvankam ne fervojfaka, estis prelego de D-ro Bolognesi: deveno de unuopaj vortoj en diversaj lingvoj.

Organizantoj preparis tri interesajn ekskursojn, unu tuttagan, kiu gvidis nin al malnova urbo Sibiu. Tie, ni trarigardis malnovan parton de la urbo, ege interesan etnografian muzeon kaj kompreneble fervojan muzeon- pli precize muzeon de lokomotivoj kaj veturiloj, kie estas kolektitaj pli ol 40 malnovaj lokomotivoj, multaj kun bunta historio, kelkaj verŝajne unikaj en la mondo.

Unua duontaga ekskurso estis direktita al la vizito de la fama kastelo Bran, rezidejo de la grafo Drakula, kiun ni kvazaŭ la intencojn ne vidis.

Dua duontaga ekskurso gvidis al urbo Sinaia, kiun oni nomas "Perlo de Karpatoj". Tio ĝi fakte estas kaj same rapide disvolvanta urbo, precipe en turisma direkto. Tiea regiono de montoj Buĉeĝi baldaŭ estos plej bela kaj disvolvita skiregiono en Rumanio.

Inter aliaj okazintaĵoj ni menciu:

- akcepton fare de la urbestro;
- akcepton ĉe CFR direktoro de la regiono Braşov;
- vizito de la centra regejo en la stacidomo de Braşov.




ZEO-oj ampleksiĝis pere de inaŭguro de «Skvaro Esperanto», inaŭgurita la 10-an de majo en la urbo Braşov. Tiun nomon nun portos skvaro antaŭ la Universitata Aŭlo en la urba centro. Memortabulo fiksita sur granita ŝtonego kaj nomtabulo, kun la grandlitera surskribo ESPERANTO, memorigos nian renkontiĝon en tiu bela urbo kaj la eventojn kiuj venigis



*Jovan Mirković dum la rozo-plantado*




*Rodica Todor transdonas la IF-simbolon al Han Zuwu, ĉina respondeculo pri la venonta kongreso en Ŝanhajo..*

nin ĉi tien. Reprezentantoj de 22 landoj plantis 22 ŝosojn de rozoj. Ni esperas, ke ili bone kreskos, ĉar por tio zorgos lokaj esperantistoj. Kiam, post la jaroj, la rozoj kreskos kaj disŝiros siajn branĉetojn, jes estos kaŭzo por reviziti la urbon Braşov. La eventon partoprenis urbaj kaj fervojaj eminentuloj, kelkaj ĵurnalistoj kaj kunlaborantoj de aŭdio kaj video stacioj.

Prezentita folkloro dum la nacia kaj bala vespero ravis nin. Priskribi tion preskaŭ ne eblas. Simple, estis perfekte. Ni esperas, ke iu filmis ĉiujn vesperojn kaj ni iam povos filmspektante denove ĝui abundon de rumania folkloro. Ofertitaj programoj dum la kongreso ne eblis sen perfektaj rilatoj inter REFA kaj rumana FISAIC –Sekcio. Tio montras ilian bonan laboron kaj kunordigadon inter diversaj Societoj kiuj agas en tiu Sekcio. Do ankoraŭ foje, koran dankon al la prizorgantoj. .



*Postkantado, la gejunula grupo adiaŭas la ĉeestantojn*




**Ĝis revido en Ŝanhajo en 2006 !**

*Jovan Mirković*
*Fervojista Esperanto Societo Maribor*

# ... al ŝanhajo por ĝui la 58-an IFEF-kongreson




## La 58-a Kongreso de IFEF, Ŝanhajo, Ĉinio 6-13 majo 2006 kaj la postkongreso en Pekino 13-17 majo

Antaŭ pli ol 20 jaroj, la prezidanto Joachim Giessner de tiama IFEF esperantigis faman verkon "La Lastaj Infanoj de Oldro Valo" de la germana verkisto Dudrun Pausewang, kaj tiun esperantan version iu ĉino tradukis en la ĉinan.

Oni do diris, ke fervojistaj asocioj internacia kaj ĉina komunikis la kulturon de la du landoj. Fakte, hodiaŭ oni per pli multaj manieroj akcelas tian komunikadon, ekzemple per la kongreso.

Kiam la 57-a IFEF-kongreso sukcese malfermiĝis en Rumanio, la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio (ĈFEA) jam komencis preparadon de la 58-a kongreso okazonta de la 6-a ĝis la 13-a de majo 2006 en Ŝanhajo, la plej granda urbo de Ĉinio. Ŝajne, la 58-a IFEF estas iom diferenca: la kongreso de IFEF, unuafoje, okazos ekster Eŭropo; la gastiganta lando kun pli-ol-5000-jara historio estas lando kun plej granda loĝantaro kaj la gastiganta urbo Ŝanhajo estas la plej granda urbo de Ĉinio.

Ni elkore invitas vin al la unika lando kaj antikva kaj moderna!

**LANDA KONGRESKOMITATO**

*Li Sen Prezidanto,*
*Yu Tao Vicprezidanto*
*Tan Xiuzhu Vicprezidantino*
*Wei Yuanshu Vicprezidanto*
*Wang Ruixiang Ĝenerala sekretario*
*Wang Minhao Konstanta asistanta ĝenerala sekretario*
*Han Zuwu Asistanta ĝenerala sekretario*
*Jiang Limin Kasisto*
*Zhou Tianhao Kongresejo*
*Xiao Ke Fakaj arangoj*
*Shi Guang Ekskursoj*
*Bao Changzhen*
*Xiang Hong Kultura programo*
*Chen Ji Kultura programo*

**Kongresadreso:**
***P. O. Kesto 825,***
***Beijing CN-100037, Ĉinio***
**Tel: +86 10 68326682**
**Fakso: +86 10 68321808**
**Retadreso: lamondo@163.com**
**Bankkonto: 06559908091001**
**Nomo: China Espéranto Association**
**Adreso: Bank of China Beijing Branch Bai Wan Zhuang Sub-Branch (Swift Code: BKCHCNBJ110)**
**Konto de CEL en UEA: celi-p (nepre indiku la pagon por 58-a IFK)**

**Pri la gastiganta lando**

Kun la totala areo de 9.6 milionoj da kvadrataj kilometroj, Ĉinio estas la plej granda lando en Azio kaj la tria en la mondo, post Rusio kaj Kanado. Ĉinio ankaŭ estas lando kun plej multnombra loĝantaro en la mondo, kaj ĝi havas 1300 milionojn da homoj.

Ĉinio abundas je naturaj riĉfontoj. Ĝi havas plej grandan rezervon da akvoenergio kaj plej multajn specojn da sovaĝaj bestoj kaj vegetaloj de la mondo kaj abundon da mineraloj de diversaj specoj.

La ĉina nacio kun pli ol 5000-jara historio kaj civilizacio havas siajn proprajn vivmanierojn, manĝ-kutimon, morojn, kiuj fariĝis grava parto de la ĉina kulturo.

Per siaj belaj montoj kaj riveroj, interesaj tradicioj kaj moroj, kuriozaj bestoj kaj vegetaloj, originalaj muziko kaj dancoj kaj mondfama kuirarto, Ĉinio altiras al si torenton da turistoj. La Granda Muro, Tian'anmen-placo, la Somera Palaco, la Imperiestra Palaco... ĉiuj havas sian interesan historion.

***Ĉinio bonvenigas vin!***



## Nova ebleco iri al Ĉinio!!




En la revuo 2005.2 en paĝo 31 la Hungara Fervojista Esperanto-Asocio, pri kiu respondecas nia vic-prezidanto István Gulyás, proponas allogan programon forflugante el Budapeŝto al Ĉinio.

Cele al ŝpari monon kaj lacecon transiri tra Budapeŝto, nun eblas iri de iu ajn lando, ne al Budapeŝto, sed rekte al Pekino por renkontiĝi la 03an de majo kun la grupo forfluginte el Budapeŝto.

Poste, eblas sekvi kune la saman programon ĝis la 15-a de majo en Hongkong. Denove la 15-an de majo, la partoprenintoj ekflugos el Hongkong al sia patra lando. La aliaj kondiĉoj restas sen ŝanĝoj.

Tiukaze la prezo ne plu estas 2 300 € sed 1 490 €.

Limdato de la aliĝo kaj la antaŭpago de 10% estas prokrastita ĝis la 30-a de septembro 2005.

Kompreneble, tiu plusa servo ne anstataŭas la kutiman aliĝon de la semajna kongreso, kiun oni devas fari pere de la koncernata aliĝilo.

# 57a IFEF-KONGRESO - BRAŞOV (RO) - 07-14/05/2005

## Salutvortoj de la Prezidanto dum la solena malfermo (08/05/2005)

Estimataj Eminentaj Moŝtaj Gastoj! Bravaj Organizantoj! Karaj Kongresanoj! Samideanoj kaj Kolegoj!

Ĝoje mi bonvenigas vin en la IFEF-Kongreso de la jaro 2005. Estas tre grave kaj esperige, ke landa asocio, nome la Rumana, relative sufiĉe juna, la unuan fojon, organizis nian pintan manifestacion. Ni devas gratuli al niaj gekolegoj pro la kuraĝo kaj pro la granda laboro.

La bela kaj interesa urbo Braşov, kuŝanta en tre ĉarma piedmonta regiono, kerno de la nacia fervojista agado, estis tre bona elekto. Oni scias, ke ĉi tie la homoj ĉiam montris grandan intereson por eksteraj kontaktoj. La nunaj cirkonstancoj kaj la kreskantaj internaciaj rilatoj multe pli ol antaŭe permesas tion, kaj aparte nia lingvo Esperanto favoras tion.

Feliĉe, jam pasis la tempo, kiam ni estis limigitaj pensi kaj paroli pri du malsamaj mondoj, fakte tre fermitaj, sed tio neniam okazis en la mensoj kaj koroj de la esperantistoj, kiuj persiste tenis kontaktojn.

Tute veras, ke ni esperantistoj ĉiam malŝatis la fermitajn limojn kaj ke tio ne malofte estigis suferojn. Ne nur perparole ni ĵetis niajn energiojn kaj niajn korojn trans la limojn, interamikiĝe tra nordo kaj sudo, tra okcidento kaj oriento, preter ĉiaj bariloj kaj ĉiaj ideologioj. La esperantista vivkoncepto denove montriĝis avangarda en mondo ankoraŭ tro ofte militanta.

Kiel loĝanto de unu el la fondintaj ses landoj de la nova Eŭropo, kiu lastjare plilarĝiĝis al 25 membroj, mi kore bondeziras, ke baldaŭ estu la vico de aliaj landoj, inter kiuj Romanio, por la bono de la loĝantaro de nia Kontinento kaj de la tuta Mondo, ĉiam pli kune, kaj ĉefe, pace!

La gastiganta "Kronurbo" kaj la tuta lando certe travivas rapidajn sociajn kaj ekonomiajn ŝanĝojn. Oni vidas multajn domkonstruejojn, multajn renovigajn laborojn. La kongresejo, la hoteloj, la bona kaj afabla akceptado certe kontentigos ĉiajn postulojn. Dum la venontaj tagoj eblos esplori multajn historiajn, kulturajn kaj naturajn trezorojn. Ni ĝue vivos la pejzaĝojn kaj la diversajn eventojn dum niaj vizitoj.

Sed, por ni fervojistoj, esperantistoj, kongresi signifas ĉefe

kunlabori por niaj celoj, kunmeti energion kaj pasion por antaŭenigi nian Lingvon kaj nian Federacion. Niaj plej gravaj programeroj estas la kunsidoj de la Komitato kaj de la Komisiono, kun la fakaj aranĝoj, ĉar ili montras la progreson de nia agado, taksas nian laborkapablon kaj nian adaptiĝon kaj kontribuon al la rapide evoluanta fervoja tekniko.

Tamen, ja vi scias, ke koncerne niajn aranĝojn, mi ĉiam plejalte taksas la homajn interrilatojn, ĉar ili estas la ĉefaj elementoj de nia tipa internacia vivmaniero, en kiuj la diverstipaj personecoj de la partoprenantoj povas tre kontentiĝi. Por tio la fervojistaj kongresoj estas ankaŭ forumoj malfermitaj al ĉiuj.

Ni daŭre organizu kaj utiligu ilin ankaŭ por libere esprimi niajn ideojn kaj interŝanĝi opiniojn je internacia nivelo per demokrataj rilatoj, bone sciante, ke tio plene efektiviĝas nur per bona uzado de komuna lingvo, kiu ebligas al homoj el la plej malproksimaj landoj kaj kulturoj kunligiĝi je ĉiu ajn nivelo.

Ni fervojistoj esperantistoj jam longe spertiĝis kaj brile pruvis tion, dum la pasintaj 96 agadjaroj kaj ĉefe dum la 56 antaŭaj kongresoj, danke al la ideala kaj tre praktika inventaĵo kiu estas la zamenhofa lingvo. Sen tradukaj aparataroj, sen interpretistoj, ni montras la plej bonan manieron internaciskale komuniki. Fiere, ni povas deklari, ke oni ne sentas sin fremdaj, kiam oni kunvivas inter esperantistoj.

Multaj inter vi eble vivis la tempojn de la malfacilaj okcidentaj-orientaj internaciaj rilatoj pro politikaj kaj ekonomiaj kaŭzoj. Rumana landa asocio fondiĝis fine de la sesdekaj jaroj; en 1969 ĝi aliĝis al IFEF; dum jardeko ĝi klopodis teni kontaktojn, sed la kondiĉoj ankoraŭ ne estis favoraj. Nur ekde la naŭdekaj jaroj okazis vera revigliĝo. Ankaŭ danke al la persisto de nia iama neforgesebla Prezidanto Joachim Giessner en 1991 fondiĝis REFA, inter kies agantoj eltaris k-goj s-roj Mihai Stefan, inĝ. Ioan Virgil Leancu, d-ro Ioan Tereşneu, Emil Tudorache kaj Sorin Porupka.

Ankaŭ gravis, ke en 1992, la sociala fako de la Rumanaj Fervojoj membriĝis al FISAIC, ankaŭ tio dank' al la esperantistaj konktaktoj.

REFA sukcese entreprenis organizi la 35an Skisemajnon en 1994, la 43an en 2002, kaj, malgraŭ ĉiuj iuj timoj, akceptis la gravan taskon de la 57a IFEF-Kongreso, pro kio mi kore dankas mianome kaj nome de nia Federacio.

Sub la gvidado de d-ino Rodica Todor, la nuna Prezidantino, la membroj de la Loka Kongresa Komitato akurate

kaj lerte planis, proponis, invitis kaj nun efektivigas tutcerte ampleksan, fakan, kulturan kaj turisman aranĝon. Tre korajn dankojn al ili kaj ankaŭ al ĉiuj aliaj homoj kaj instancoj, kiuj diversmaniere kunlaboris kaj helpis.

Tiu ĉi estas aparte bonaŭgura kongreso ankaŭ ĉar inter ni ĉeestas kolegoj, alvenintaj el tre fora, granda frata lando, nome el Ĉinio. Ili estas treege bonvenaj. La mondo ĉiam pli malgrandiĝas; nuntempe oni sukcesas rapide superi longajn distancojn.

Oni povas esti certaj, ke tio malfermos aliajn eblecojn, por atingi estontajn sukcesojn. Proponinte organizi la venontjaran IFEF-Kongreson ili montris fidon je si mem kaj instigan kuraĝon al la tuta movado. Tre scivole ni atendas rigardi ilian prezentadon kaj certe oni malkovros multajn allogaĵojn por flugi al Ŝanhajo.

Ĉi-jare mi ne intencas paroli tro longe pri la plej malbonaj faroj de tiu ĉi turmentita homaro, kiu ne volas, aŭ ne kapablas, interrilati en paca maniero.

Pro tio, neniam oni povas tro jubili, ĉar evidente konstateblas ke ofte oni ne konscias, ke ĉiuj homoj estas sur la sama boato, nia planedo Tero, kies destino ĉiam pli dependas de saĝaj elektoj kaj de la protektado kaj konservado de la natura medio en kiu kaj per kiu ni vivas.

Ja, la eblecoj por pluvivo de nia specio fariĝas pli kaj pli feblaj pro troa malefika ekspluatado de la planedaj rimedoj, kiuj ne estas senfinaj, fare de homaro ĉiutage pli postulema kaj detruema, ankaŭ sekve de troa demografia kresko.

Jam antaŭ kelkaj jaroj, ĉirkaŭ 1700 scienculoj, inter kiuj la plejmultaj Nobel-premiitoj pri sciencoj, subskribis dokumenton nomatan “Averto de la sciencistoj al la homaro”.

En ĝi, post premiso kiu montras la danĝerojn de la maltaŭga homa konduto kontraŭ la naturo, estas priskribo de la kondiĉoj de la diversaj medioj, jam nun parte en danĝero: atmosfero, dolĉa akvo, oceanoj, grundoj, arbaroj, vivestaĵoj kaj fine homa popolado. La subskribintoj klare rimarkigas la malbonajn farojn, ĉefe flanke de la pli ekonomie evoluintaj landoj, kiuj plejmulte polucias la Teron, sed ili atentigas ankaŭ la malriĉajn landojn pro troa popolkresko, kio ne permesos, eĉ reduktos la progreson.

La iluminitaj sciencistoj apelacias al ĉiuj homoj: kleruloj el ĉiuj fakoj, ĉefoj pri politiko, ekonomio, religioj el ĉiaj tipoj, registaroj kaj popoloj, por ke ĉiuj unuiĝu, por kune sukcesi plenumi tiun taskon.

Ili ankaŭ admonas la homojn al uzado nur por pacaj celoj de la monrimedoj, kiuj, male,

grandkvante realigas militojn, taksataj jam en la jaro 1992 je triliono da dolaroj, t.e. $10^{18}$ (10 en la 18-a potenco, t.e. miliardon da miliardoj da dolaroj).

Ja, la plej ofta kaj sukcesa entreprenaĵo de la homaro estas ĝuste milito.

Sed, malgraŭ ĉio, la homaro pretervivas kaj pli kaj pli bezonas interrilatojn. Ankaŭ por konsciiĝi pri tiuj gravaj problemoj ĝi nepre bezonas supernacian interligilon. Ankaŭ nia bona Esperanto pretervivis terurajn provaĵojn kaj se ankoraŭ oni ne multe akceptis ĝin, eble, interalie, ĝi ankoraŭ estas tro avangarda, aŭ eble ni esperantistoj ne tiel bone kapablas aŭ kuraĝas subteni ĝin.

Tamen, la zamehofa ideo estas vere elprovita kaj fidinda. Kiel pruvo mi povus mencii dekojn da derivaĵoj kaj imitaĵoj. Ekzemple, nur en lastaj jaroj efemere aperis Uropi, Cabafe nodano, Lojbana, Lincos, Eŭropanto, kaj aliaj.

Kiel lastan mi citas la proponon por simpligita versio de la angla-usona lingvaĵo, nomata "Globish", de iu franca komputilprogramisto nomata Jean-Paul Nerrière, kiu proponas lerni "nur" 1500 bazajn terminojn dum 182 lecionhoroj en unu jaro por paroli ĉefe per perifrazoj, aŭ ĉirkaŭfrazoj.

Do, post la jam fiaskinta "Basic English" de la angla Charles Kay Logan, denove temas ne pri plena lingvo, kapabla el ĉiuj spiritaj kaj praktikaj nuancoj, aplikebla en ĉiuj homaj disciplinoj, sciencoj kaj artoj, kiel estas Esperanto, sed nur pri multe pli povra komunikilo, senspirita, senideala.

Pro tio, nepre ni devas pli firmigi nian konvinkiĝon pri Esperanto enmetante plian kreivan elanon por ĝenerala lingvodisvastigo kaj por faka apliko. Ni nur agadu kohere, tutcertaj pri la profundaj valoroj de la esperantismo, ĉiam validaj kaj kapablaj doni modelan ekzemplon por pli favora interkompreniĝo. Ni daŭre strebu al tio organizante kunvenojn, naciajn kaj internaciajn kongresojn, tre gravajn por disvolvi organizajn, sociajn kaj homajn rilatojn.

Ni vivu la kongresan semajnon, donante kaj ricevante la maksimuman kunlaboron, profitante por kreski lingve, profesie kaj home. Ni estu kiel eble plej malfermitaj al aliaj vidpunktoj kaj ideoj, tolereme kaj danke.

En ĉi-tiu spirito mi deziras ke en Braşov ĉio estu plensukcesa kaj ke ĉiuj realigu siajn dezirojn.

Per ĉi-tiuj vortoj, mi deklaras malfermita la 57an Kongreson de IFEF.

Romano BOLOGNESI
IFEF-Prezidanto

# RESUMA JARRAPORTO DE LA LANDAJ ASOCIOJ DE IFEF PRI LA JARO 2004



Surbaze de la dissendita demandilo, la landaj asocioj preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2004. Nur Japanio ne sendis raporton. En la jarfino de 2004 ekzistis 19 landaj asocioj de IFEF, jene: Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Kroatio, Norvegio, Rumanio, Serbio-Montenegro, Slovakio, Slovenio, Svisio.

Ekde la kuranta jaro bedaŭrinde ĉesis la Svisa Fervojista Esperanto-Asocio, sed foje mi povas akcepti la anoncon, ke reorganiziĝis la Pola Fervojista Esperanto-Asocio. Do, tiel restas la nombro de la landaj asocioj : 19.

**1. La landaj asocioj**

La membronombro de la fervojistaj esperantistoj kaj tiu de IFEF-membroj montras iom malkreskon laŭ la sekva tabelo:

**Landaj asocioj:**

**(1) La tuta asocia nombro IFEF-membroj**

**(2) IFEF-membroj laŭ la landaj asocioj**

**(3) laŭ la landaj asocioj: laŭ IFEF-kasisto**

| L.A. | (1) | (2) | (3) |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 399 | 72 | 90 |
| Belgio | 60 | 15 | 15 |
| Bulgario | 80 | 15 | 10 |
| Ĉeĥio | 79 | 40 | 40 |
| Ĉinio | 250 | 22 | 20 |
| Danio | 47 | 47 | 60 |
| Francio | 303 | 105 | 115 |
| Germanio | 189 | 178 | 185 |
| Hispanio | 7 | 15 | 15 |
| Hungario | 541 | 30 | 30 |
| Italio | 80 | 80 | 72 |
| Japanio | 20 | 20 | 20 |
| Kroatio | 40 | 15 | 15 |
| Norvegio | 38 | 38 | 40 |
| Rumanio | 248 | 15 | 15 |
| Serbio-Montenegro | 50 | 20 | 20 |
| Slovakio | 20 | 20 | 20 |
| Slovenio | 20 | 6 | 6 |
| Svisio | 79 | 32 | 57 |
| Individuaj membroj | 0 | 8 | 8 |
| **Sume** | **2618** | **793** | **853** |

La landaj asocioj raportas pri 2.618 asociaj membroj (12 malpli ol en la antaŭa jaro).

Laŭ la raportoj, IFEF nombras - kune kun individuaj membroj - 793 membrojn, kaj laŭ la kasisto de IFEF: 853 membrojn. La diferenco estas 60 membroj, sed laŭ la kasisto la landaj asocioj por 853 membroj pagis la jarkotizon. Ekzemple la svisoj 25,

aŭstroj 18, danoj 13, francoj 10 plusajn pagis por la jaro 2004. Kiujn ajn ciferojn mi ekzamenas, mi povas konstati, ke la membronombro de IFEF jaron post jaro, malkreskas. En la pasinta jarraporto mi prezentis la malpliiĝon de la IFEF-membraro, kaj nun mi ripetas tion: en la fino de la naŭdekaj jaroj IFEF havis pli ol 1.200 membrojn, kaj en la jaro 2000 nur 1.067, en j. 2001: 992, en j. 2002: 907, en j. 2003: 875, kaj en la fino de la jaro 2004: 853. En kelkaj landoj la membronombro malkreskis sub danĝeran nivelon. Post la ĉeso de la brita, finnlanda, nederlanda kaj nun jam la svisa asocioj mi ne vidas la futuron de la sveda kaj estona landaj asocioj. Tio estas la trista realo. Tiuj faktoj devigas nin direkti nian atenton al tiu agadtereno. La estraro de IFEF bone scias, ke tiu tendenco ekzistas en la tuta Esperanto-movado, en la kadro de UEA kaj aliaj Esperanto-organizadoj. La ekonomia krizo en la tuta mondo, la rapidaj ŝanĝoj en la fervojaj organizoj, la privatigo de la fervojoj, la malpliiĝo de la nombro de fervojistoj ne helpas nian agadon. Ni devas pli efike labori kaj konvinki la homojn pri la graveco de la Esperanto-movado. Ni devas aranĝi pli allogajn programojn, kongresojn, klubkunvenojn, ni devas popularigi la Esperanton pere de la organoj, afiŝoj, flugfolioj, murgazetoj kaj aliaj medioj. Eksterordinare grava estas organizi Esperanto-kursojn por la komencantoj kaj progresantoj, por ke la partoprenantoj spertu la utiligon de la lingvo Esperanto.

La raportoj de la landaj asocioj el la plena asocia membraro indikas pli ol 65 %-jn da emeritoj. El la tuta membraro 270 membroj estas nefervojistoj. La nombro de la memstaraj grupoj estas 93.

**2. Taskoj de la landaj asocioj kaj ties lokaj societoj**

Multaj landaj asocioj laboras laŭ laborplanoj. Pluraj plendas pri la manko de la bezonataj kunlaborantoj, same pri la maljuniĝo de la membraro, pri la manko de pli juna generacio.

En kelkaj landoj mankas kapablaj instruistoj, eĉ lernolibroj. Pro la privatigo de la fervojoj, la uzopreno de la fervojaj ejoj por lingvo-instruado estas monafero.

Dekdu landoj konservas sian historian materialon kaj kolektis Esperanto-heredaĵojn.

Dekunu landaj asocioj aperigis informojn pri Esperanto kaj IFEF en ĵurnalo de la fervojoj. Kelkaj landoj helpis traduki la FISAIC-materialojn al Esperanto, respektive al nacia lingvo. La plej gravan laboron faris la franca landa asocio, ĉar ili ĉiukaze plenumis la Esperanto-tradukon de la materialoj de la diversaj kunvenoj de FISAIC.

**3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj**

Dekunu landaj asocioj raportas pri bonaj interrilatoj kun la fervojoj. Tri landaj asocioj ricevis financan subtenon, kvin asocioj senpage ricevis specialan ejon por kunvenoj, kursoj ktp, tri landaj asocioj ricevis senpagan fervojan bileton por oficiale vojaĝi al kongresoj kaj ceteraj Esperanto-eventoj.

Nur Serbio-Montenegro raportas pri la klariga teksto en Esperanto en la horarlibro. La landa asocio skribas: „En la oficiala fervoja horaro troviĝas dupaĝaj instrukcioj en Esperanto."

Ok landaj asocioj kontaktis kun

sindikatoj, eĉ Ĉinio, Germanio kaj Svisio ricevis financan apogon.

Dekunu landaj asocioj havas bonan kontakton kun la landa asocio de FISAIC, eĉ inter ili sep landoj raportis pri ofico ĉe FISAIC. Estas bona afero, ke sep landoj ricevis financan apogon, kaj Germanio senpagan bileton de la landa FISAIC-organizo.

Se mi ekzamenas la raportojn, mi povas konstati, ke nur Japanio, Norvegio, Slovakio kaj Slovenio ne ricevis iun ajn apogon aŭ helpon de la fervojaj organizoj.

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havas kontaktojn kun artaj, sportaj, kulturaj, religiaj kaj libertempaj organizoj.

**4. Organizado de jarkunvenoj**

Laŭ la raportoj nur en Italio, Slovakio kaj Slovenio ne okazis jarkunveno. Ses landoj raportas pri partopreno de (entute) 56 eksterlandaj gastoj. La tuta nombro de la partoprenantoj de la jarkunvenoj estis pli ol 500. En ok landoj okazis fakprelegoj kaj aliaj fakaj eventoj. Preskaŭ dum ĉiuj jarkunvenoj okazis ekskursoj, kiam la partoprenantoj povis ĝui la Esperanto-etoson.

En la jaro 2005 ok landaj asocioj ne planas aranĝi jarkunvenon.

**5. Interrilatoj kun Esperanto-organizoj**

Nur Hispanio, Japanio kaj Slovakio raportas pri la manko de la rilato kun la landa Esperanto-organizo. Sep landaj asocioj havas interrilatojn kun SAT, kaj preskaŭ ĉiuj landoj kun ceteraj Esperanto-organizoj.

En Hispanio kaj Kroatio ne ekzistas fakdelegito de UEA. Deksep landoj raportas pri sialandaj fakdelegitoj ĉe UEA, ĝia nombro estas entute 53.

**6. Informado en la plej vasta senco**

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj informis la publikon pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualaĵoj per diversaj artikoloj en regionaj, fervojaj revuoj, bultenoj, lokaj ĵurnaloj, faldfolioj, murgazetoj.

En Ĉeĥio, Francio, Germanio, Hungario kaj Kroatio okazis ekspozicioj entute 15, kiujn vizitis plurmiloj da interesuloj.

Ok landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj, kiuj aperis en la fakaj revuoj, aŭ oni prelegis en diversaj klubkunvenoj eĉ kongresoj kaj aliaj Esperanto-konferencoj.

**7. Varbado**

Kelkaj landoj sukcesis varbi novajn membrojn, tio preskaŭ egaligas la perditajn membrojn. Ekzemple en Hungario la landa asocio en la jaro 2003 havis 481 membrojn, kaj en j. 2004 jam 541 fervojistajn esperantistojn. Do, tio signifas 60 membro-altiĝon, eĉ inter ili troveblas multaj gejunuloj. Ankaŭ en Francio altiĝis la membronombro kun kelkaj membroj kompare kun la antaŭa jaro. Sed bedaŭrinde, tiuj faktoj ne signifas, ke la membronombro de IFEF ne malaltiĝas. Ekzemple en Hungario restis la membronombro de IFEF 30, kaj en Francio anstataŭ 113 nur restas 105 IFEF-membroj, kompare kun la antaŭa jaro.

Dektri landaj asocioj aranĝis entute 35 lingvokursojn kun pli ol 400 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj estis - kiel ĉiujare - en Hungario (117), Rumanio (64) kaj Francio (47).

Sep landaj asocioj aranĝis internacian fervojistan Esperanto-renkontiĝon. Tiu indiko estas grava por trovi adeptojn por la Esperanto-

movado. Ekzemple, en Hungario kelkaj fakgrupoj ĉiujare organizas grupan rondvojaĝon al eksterlandoj, en kiuj ankaŭ ne-esperantistoj partoprenas, kaj ili povas ekkoni, sperti la oportunan utilon de la internacia lingvo kaj la Esperanto-etoso. Aŭ en Francio, okaze de la nacia fervojista Esperanto-kongreso, partoprenas multaj homoj, kiuj konatiĝis kun Esperanto.

**8. Junulara agado**

Sep landaj asocioj raportas pri 262 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝo). Tiu cifero montras 117 altiĝon kompare kun la antaŭa jaro, sed tiu fakto nur en Ĉinio kaj Hungario montras esperhavan rezulton. Memstara junulara grupo ne ekzistas.

Pluraj landaj asocioj strebas akiri junajn membrojn, sed kiel oni priskribas, tio estas „senespera afero”. Ĉu tiu konstato estas vera? Estas eble, sed tamen ni senlace devas serĉi la gejunulojn por niaj asocioj, por ke ni povu transdoni la stafetbastoneton al ili.

**9. Landaj organoj**

Dekdu landaj asocioj eldonas propran organon. La organoj aperas ĝenerale kvaronjare, sed en Ĉinio, Danio kaj Hispanio sesfoje, eĉ en Francio dekfoje. La nombro de la jara paĝo estis 690, laŭlande ĝi varias inter kvin kaj naŭdek paĝoj. Bulgario, Danio kaj Hungario eldonas ĝin nur en Esperanto, la aliaj landoj dulingve. Sep landaj asocioj havis spacon ĉe aliaj, ĉefe fervojaj organoj.

**10. Faka agado**

Laŭ la raportoj dek landaj asocioj agadis en la kadro de la terminara laboro. La RailLexic grupo de UIC denove komencis labori, kaj mi esperas, ke baldaŭ estos daŭrigata la pretigo de la difinoj, la serĉado de novaj esprimoj kaj laŭ la akordigo de la francaj kaj germanaj tradukoj la modifoj de la eraraj esprimoj. Nia Terminara Sekcio devas sekvi tiun labormetodon, kaj flue traduki al Esperanto la ricevitajn difinojn kaj esprimojn.

Dekunu landaj asocioj raportas pri faka aktiveco, pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj.

**11. Ekonomio**

La ekonomia situacio ĝenerale similas al la antaŭa jaro, kaj al la pli fruaj jaroj. Laŭ la raportoj en Ĉeĥio, Danio, Francio, Germanio, Hungario, Italio, Japanio Kroatio, Rumanio kaj Svisio la financa stato estis stabila kaj ekvilibra. Aliaj landaj asocioj plendas, ĉar la afrankoj altiĝis. La nombro de membroj pagantaj kotizon malpliiĝis; oni devis pagi por la uzado de la fervojaj ejoj, ili nur parte aŭ neniel ricevis financan aŭ alian subtenon. Do la ekonomia situacio ne estas rozkolora.

**12. Fina komentario**

Legante la jarraportojn, parolante kun landaj kaj eksterlandaj esperantistoj kaj kun la estraranoj de IFEF, partoprenante en Esperanto-kongresoj, konferencoj, renkontiĝoj kaj aliaj eventoj, mi faras la jenajn konkludojn:

- en kelkaj landoj haltis la maljuniĝo de la Esperanto-movado, sed en pluraj landoj rapide maljuniĝas tio;
- en kelkaj landoj altiĝis la membro-nombro de la fervojistaj esperantistoj, en kelkaj landoj ĝi stagnas, kaj bedaŭrinde en kelkaj landoj ĝi malaltiĝas;
- en multaj landoj, malkreskas la nombro de IFEF-membroj;
- ĝenerale mankas la junuloj en la movada laboro malgraŭ tio, ke en kelkaj landoj altiĝis la nombro de tiuj;

- en kelkaj landoj stagnas la movada laboro, mankas kapablaj gvidantoj, eĉ mankas tiuj pli junaj membroj, kiuj transprenus la gvidan taskon;
- en kelkaj landoj sub danĝeran nivelon malkreskis la membro-nombro, kaj tio povas signifi, ke post la ĉeso de brita, finnlanda, nederlanda kaj svisa asocioj, en pliaj aliaj landoj ĉesos la fervojista landa asocio;
- estas bona afero, ke ekde la kuranta jaro, la Pola Fervojista Esperanto-Asocio reorganiziĝis, kaj iĝis denove membro de IFEF;
- la tendenco estas preferi la anglan lingvon eĉ ankaŭ en la kadro de FISAIC;
- ĉiujare malkreskas la nombro de la partoprenantoj en la IFEF-kongresoj;
- post kvar jaroj, la fervojista Esperanto-movado festos la centjariĝon, kaj ni esperu, ke tiu datreveno kunportos la prosperon kaj la disvolviĝon de la Esperanto-movado.

Mi povus vicigi la negativajn kaj pozitivajn faktojn, sed malgraŭ la problemoj, IFEF ankoraŭ vivas, agadas kaj montras, ke la fervojista Esperanto-movado ankoraŭ restos vivoplenas

*István Gulyás*
*vicprezidanto de IFEF*

## Raporto de la ĉefkomitatano



Mi strebis akurate plenumi miajn multflankajn taskojn. Laŭ sugestoj de la estraranoj, mi prilaboris Cirkuleron kaj Demandilon por Jarraportoj 2004 kaj sendis al la landaj asocioj eĉ al kontaktuloj en landoj, kie IFEF nuntempe ne havas funkciantan landan asocion.

Kune Vp de IFEF mi kolektis la Jarraportojn pri 2004, kongres-proponojn kaj en kunlaboro kun Ks mi ĝisdatigis Adresaron de la IFEF-funkciuloj. Sume, venis Jarraportoj el 18 landaj asocioj, ne venis tiu de Japanio. Mi strebis laŭeble kunlabori kun Rd de IFEF sendante materialojn.

En kunlaboro kun polaj aktivuloj ni sukcesis reaktivigi Polan landan asocion de IFEF la 12-an de marto 2005; similaj kontaktoj okazas kun Slovenio, Nederlando, Rusio kaj kelkaj aliaj landoj, kie aktivas nur individuaj membroj aŭ kontaktuloj; mi serĉas tie novajn kontaktulojn cele al disvastigi nian Federacion kaj ties agadon al tiuj landoj.

Mi partoprenis ambaŭ estrarkunsidojn de IFEF aŭtune de 2004 en Predeal (Rumanio) kaj printempe 2005 en Bulonjo, Francio.

Mi kun ĝojo akceptos ĉiujn proponojn kaj instigojn kiamaniere plibonigi la agadon cele al disvastigi kaj pli prosperigi nian Federacion.

*Braşov, la 9-an de majo 2005*
*Jindřich Tomíšek, Ĉk*

# Printempa konferenco en Ĉeĥio

Ĉeĥa landa asocio de IFEF aranĝis en kunlaboro kun Ĉeĥa l. a. FISAIC ČD sian Printempan konferencon de la 15-a ĝis la 17-a de aprilo 2005 en grava mezmoravia fervojnodo Přerov. El eksterlando venis, por partopreni, Honora prezidanto de IFEF Per Engen el Norvegio kaj gastoj el najbaraj landoj Aŭstrio kaj Pollando.

Dum labora parto, la ĉeĥaj fervojistoj prilaboris sian multflankan agadon, kunlaboron kun aliaj sekcioj de la Landa asocio FISAIC ČD kaj aliaj. Rezulte de tiu ĉi kunlaboro, oni ekzemple eldonis novan kvinlingvan broŝuron (do ankaŭ en E.) kun la titolo „Kopiostampoj de afrankigiloj de temo fervoja trafiko el teritorio de Ĉeĥoslovakio (1926-1992) kaj de Ĉeĥa respubliko (1993-2001).

Sabate, antaŭtagmeze, oni komune vizitis la Muzeon de Jan Amos Komenský, la antaŭulo de Zamenhof, alinomata "Instruisto de la nacioj". Ekz. lia verko "Orbis pictus" (Mondo en Bildoj) estis verkita kiel lernolibro de fremdaj lingvoj, en lernejoj, ĝi estis uzata ĝis la 2-a duono de la 19-a jc. Komenský volis forigi lernadon de vortoj nur parkere, pro tio li aldonis al la teksto bildojn de objektoj kaj citis iliajn terminojn en diversaj lingvoj. Same estas prilaborita tiu ĉi multlingva gvidlibro en la lernejaj ekspozicioj de la Muzeo Komenský en Přerov.



*Parto de la partoprenantoj apud monumento de Jan Blahoslav, la episkopo de la Unuiĝo Fratula sur Horní náměstí (Supra placo) en Přerov.*



*Parto de la ekskursantoj en la Veturilriparejo en Přerov antaŭ la vaporlokomotivo alinomata „Šlechtična“ (Nobelulino)*

Posttagmeze, okazis faka ekskurso al la Veturilriparejo en Přerov; post la reveno, fakprelego de Jindřich Tomíšek pri Historio kaj nuntempo de la fervoja stacio en Přerov.

En la 3-a parto de la konferenco la prezidanto de la Pola E-Asocio Stanislaw Mandrak raportis pri la urbo Malborko, kiu meritas famon kiel urbo de la plej multaj ZEOj en la mondo. Aktuale ili estas 31 kaj ilia nombro ĉiujare kreskas. Preskaŭ ĉiuj malborkaj ZEOj troviĝas en la tiea "Parko de la Mondo", en kiu plantis eksterlandaj esperantistoj siajn "naciajn" arbojn apud memorŝtonoj kun surskriboj en la pola kaj esperanta lingvoj. Sekvis interesa prezentado de Ludvík Chytil pri lia trimonata vojaĝado pere de Esperanto tra Brazilo kun lumbildoj.

Dimanĉe, la 17-an de aprilo, antaŭtagmeze okazis gvidita urbovizito de Přerov, kiu situas ambaŭflanke de la rivero Bečva kaj per sia geografia loko okupas elstaran lokon en centro de Moravio, same kiel ĝia fervoja stacio kiel fervojnodo kaj kruciĝo de la ĉeĥaj fervojaj koridoroj 1 kaj 2.

La sukcesa Printempa konferenco finiĝis per komuna tagmanĝo en fervojista manĝejo.

*Jindřich Tomíšek*

# PRINTEMPA RENKONTIĜO EN BULGARIO

**La** 16-an kaj 17-an de aprilo 2005 okazis la 2-a printempa renkontiĝo de la anaro de la Bulgara Fervojista Esperantista Sekcio (BFES) en la ripozloko -*Starozagoraj Mineralakvaj Banejoj*. Tiu ĉi ripozloko datumas de la romia epoko, kie la tiamaj riĉaj romianoj uzis la mineralan akvon por kuracado kaj ripozado en tiu ĉi belega loko situanta sine de la montaro "Sredna Gora". Nun, ĉi tie, troviĝas: mineralakva banejo, kiu kuracas multajn malsanojn; mineralakva baseno kun plaĝo; multaj antikvaĵoj; densaj arbaroj kun diversspecaj arboj, kiuj freŝigas la aeron; belaj florĝardenoj; ripozdomoj; sanitarioj; restoracioj. Tra la vilaĝo trafluas la rivero *Sazlijka,* kiu bruetas per siaj puraj akvoj.

La oficiala parto de la renkontiĝo okazis en la restoracio de la ripozdomo '*Grozd*', kie 35 geesperantistoj fervojistaj el la tuta lando havis eblecon en bona humoro kaj belega etoso amuziĝi kaj ankaŭ disputi pri seriozaj esperantistaj problemoj. La prezidanto de la BFES inĝ. Veselka Kamburova, malfermis la renkontiĝon per konciza parolado kaj donis klarigojn pri la 57-a kongreso en Braşov - Rumanio. Kiel membroj de IFEF kvitancis ankoraŭ kelkaj gekolegoj kaj jam la Sekcio havas 15 IFEF anojn. S-ro Enjo Enev parolis pri la lingva kono, scio kaj parolo. Ni ne devas krokodili, sed ni devas paroli en esperanto senĝene, eĉ se oni povas erari. Nur laŭ tiu maniero oni povas sperti kaj posedi la lingvon li diris. Tonco Valev kaj Stanil Nikolov de la societo 'Fervojisto' - Stara Zagora surprizis la partoprenantojn per donaco al la BFES; bela, brodita kaj ornamita verda standardo, kiu devas esti simbolo de la Sekcio. Stanil Nikolov per emociaj vortoj pri la signifo de tiu ĉi simbolo, enmanigis la standardon al Veselka Kamburova. Tonco Valev deklamis la versan verkadon de Penco R. Slavejkov - 'Nedisigitaj enamigintoj, kiun li tradukis en Esperanton. Li proponis, ke dum la 25-a jubilea konferenco de la Sekcio, dum monato de novembro 2005, oni organizu literaturan programon kun teatraĵeton. Kelkaj el la ĉeestantoj ekdeziris partopreni en la literatura programo.

Metodi Markov kun sia akordiono, akompanata de Joro Mitrovski kaj multaj aliaj, ludis kaj kantis belajn amuzajn,dancojn kaj popolkantojn. Kiam la partoprenantoj rondodancis, la gvidantoj de la rondodanco flirtigis la standardon kaj nek unu restis ĉe la manĝotablo, sed eniris ludi. La amuzado daŭris ĝis la malfrua nokto.

Matene-dimanĉe la partoprenantoj en la renkontiĝo vizitis kelkajn rimarkindaĵojn en la vilaĝo. Tagmeze per aŭtobusoj, ĉiuj forveturis al St.Zagora kaj poste, per trajno, al siaj loĝlokoj.

*Tonĉo. Válev*

**47-a Internacia Esperanto Skisemajno en Bulgario**

Landa konsilio de FISAIC ĉe Ĝenerala direkcio de Bulgaraj fervojoj (BDZ)
**kaj *Fervojista sekcio de Bulgara Esperanto-Asocio***
kore invitas vin al la 47-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno
**BANSKO, en montaro PIRIN (BG) de la 05-a ĝis la 11-a de februaro 2006**

***Adreso:***
*Rena Georgieva 4000 Plovdiv Centralna poŝta, p.k 3 5, Bulgario* retadresoj : renag@mail.bg kaj veskam@abv.bg
tel kaj fakso n-ro:+359 32 64 95 73
*Bankkonto:per SWIFT-kodo STSABGSF Konto n-ro 30021027-1051038605*
*DSK Bank PLC (formerly state saving bank)*
*Branch 2 Sofia*
*Veselka Kancheva Kamburova*

**Ĝeneralaj instrukcioj:**
Limdato por aliĝi: ĝis 20/10/2005 vi devas sendi aliĝkotizon kaj prezon por unu tranoktado al anoncita konto. Kaze de ne partopreno, ĝis 20/12/2005, vi rericevos la pagon krom mondeprenita parto. Post tiu dato neniu repago. Post la 10/12/2005 vi ricevos konfirmon de via pago kaj instrukciojn.

**Atingebleco**: Bansko situas 160km-ojn de Sofio kaj estas atingebla per buso.
**Skieblecoj**: En proksima skicentro (963 m s.m.) por skiantoj descendantaj aŭ kurantaj servas 11 skiliftoj.
**Restadejo**: Bela urbo Bansko kuŝas en larĝa valo ĉe la piedo de la monto *Vihren* (2 914 m),
La loko mem havas 12 mil loĝantojn.
La loko estas elektita tiel, ke ĝi konvenas por ĉiuj aĝkategorioj, por neskiantoj, sed ankau por skiantoj, ĉar la regiono estas uzita kiel refreŝiga regiono en sudorienta Bulgario.
La prezoj povas iomete ŝanĝiĝi se inflacio devigos tion.
**Do, koran bonvenon al la 47-a IFES-o 2006 !!!**

| Kotizo en eŭroj | Ĝis 15/10/2005 | Ekde 15/10/2005 |
|---|---|---|
| Aliĝkotizo por IFEF-membroj | 15 | 20 |
| Aliĝkotizo por IFEF-membroj el ekssocialismaj landoj | 10 | 15 |

Hotelo tristela : en unulita ĉambro - po 56 eŭroj nokte kaj persone
en dulita ĉambro - po 38 eŭroj nokte kaj persone

Privata ĉambro : unulita ĉambro - po 40 eŭroj nokte kaj persone
dulita ĉambro - po 25 eŭroj nokte kaj persone.

La prezo inkluzivas unu tranoktadon, matenmanĝon kaj transporton de Sofio ĝis Bansko.

*****************************************************************************

Aliĝilo
Familia nomo : …………... Persona nomo: …………………Naskiĝdato……/…../…….
Adreso : Strato, ………………………..n-ro …….
Lando :…………………...Poŝtkodo…………..Urbo…………………
Retadreso (ev SMS)………………………………..Mi volas loĝi kun ……………
Mi pagas aliĝkotizon ……………………….€
Tranoktado por unu nokto laŭ elektita ……………………….€
Entute ……………………….€
Alveno en Sofion: dimanĉon la 05-an de februaro 2006 je la horo ……….per…………
Dato………………. Subskribo……………………………….
Per kruco mi deklaras, ke mi havas san-kaj skiant-asekuron por mia restadtempo en Bansko □

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

## "Joachim Gießner-Seminario"

Seminario pri la aktivecoj de IFEF-prezidinto Joachim Gießner okazos en Herzberg am Harz (Germanio) de la 9a ĝis je la 14-a de oktobro sub gvido de s-ino Magdalena Feifiĉova el Slovakio.

Joachim Gießner vivis kaj agadis por IFEF kaj GEFA kaj E-kulturo dum preskaŭ 40 jaroj en Herzberg am Harz. Li ne nur dum longa tempo estis la IFEF-prezidanto, sed ankaŭ verkis multe por nia E-kulturo (eldonis, verkis fakeseojn kaj tradukis preskaŭ 400 kantojn). Nun estas la tasko rekolekti la materialon por la "Joachim Gießner-arkivo" en la nova Interkultura Centro erzberg (ICH).

Do, estos retrospektivo, kunmetado de materialoj, fakdiskutoj pri IFEF kaj GEFA, migradoj, veturo per etŝpura trajno tra la Harc-Montaro, ktp.

***Aliĝiloj haveblas ĉe ICH en Germanio.***

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

*Fervoja Koresponda Servo*
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp.*
*Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*57-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
« co16919@iperbole.bologna.it »

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
« kozsu13@freemail.hu »

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
« marica.brletic@hznet.hr »

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
« Laurent.Vignaud@wanadoo.fr »

**Redaktoro**: Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
« jeanripoche@wanadoo.fr »

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
« esperanto@mail.dk »
SK: D-ro Heinz Hoffmann
« IFEF.B90Gr-mei@-online.de »
SK: Inĝ Ladislav Kovář
« ladislav.kovar@worldonline.cz »